


5a jaro Aprilo 1935 N-ro 47
OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
Redakcio kaj Administracio:
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)


## MEMORINDAJ TAGOJ

14. 1917.—*Morto de nia kara majstro D-ro Zamenhof.*

14. 1931.—*Starigo de la Hispana Respubliko.*

17. 1512.—*La hispano Ponce de León eltrovas la duoninsulon La Florida.*

23. 1616.—*Morto de Miĥaelo de Cervantes, verkinto de «Don Kiĥoto de Manĉujo».*

## ACTA LVII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 20 horas del día 11 de marzo de 1935, se reunió en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2) la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros expresados al margen.

Se aprobó el acta de la sesión anterior.

En vista de una carta de D. Francisco Azorín en la que se propone la reimpresión de las «Claves de Esperanto», se acordó hacer una segunda edición del folleto «¿Qué es el Esperanto?», añadiéndole un pequeño vocabulario español-esperanto, con lo que se atiende a las indicaciones hechas por muchos samideanos.

El tesorero saliente, D. Julián Sosa, leyó y fueron aprobadas las cuentas de la Asociación y entregó al tesorero entrante, D. Benito Anguiano, los fondos y los libros de Caja. A propuesta del presidente se le otorga un voto de gracias por su gestión durante cinco años.

Se lee una carta del vocal de Cartagena D. Feliciano Oliván, relativa a su asistencia a la Asamblea, y la minuta de la contestación, que es aprobada.

Todos los acuerdos se tomaron por unanimidad; y no habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Julio Mangada.*

Asistieron: el presidente; D. Luis Rodríguez Escartín, vicepresidente; D. Julián Sosa, tesorero saliente; D. Benito Anguiano, tesorero entrante; D. Fernando Molina, vicetesorero; doña Visitación Martín, bibliotecaria; D. Carlos de San Antonio, D. José Artigas y D. Javier Marauri, vocales; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

---

## POR KE ONI KONSTATU KAJ KONSCIU

Unu el recenzistoj de «The British Esperantist», sinjoro R. J. Y diras pri nia verko «Amelia kaj Marina»:

«Prezentiĝas per tiu ĉi volumo hispana kontribuaĵo al la Esperanta Poezio.

»En la komenco troviĝas tri interesaj notoj pri du metrikaj formoj de la hispana poezio. La Romanco kaj la Segidiljo, kiujn atente devus legi la Esperantaj poetoj.

»La aŭtoro tro modestas, dirante, ke li ne pretendas prezenti sin antaŭ la Esperantistaro kiel poeton. Li malkaŝas plenkoran entuziasmon por nia afero:

«Per la poemaro mi nur celas
kiel sonas nia lingv' agrable,
kiel plene Esperanto belas
por esprimi ĉion tre kapable.»

»La poemoj estas verkitaj laŭ diversaj humoroj, kaj ĉiu montras majstran uzon de la lingvo. Bonega konsilo al poeziemuloj troviĝas en mallonga *Averto*.

»Treege kortuŝaj estas la strofoj pri la morto en tragikaj cirkonstancoj de la du belaj filinoj de la aŭtoro, en kies memoro la volumo ricevas sian titolon.

»Tralegante la paĝojn, oni ne povas esti frapata de la evidenta bonanimeco de S-ro. Rosenörn. La versaĵo *Pri miaj bestoj*, *Ofendido*, *Ĉe Bialystock*, k. a., bone tion montras.

»Kelkaj portretoj kaj skizo ornamas la libron, kiu estas bone presita sur bonkvalita papero. Troviĝas pluraj kritikindaĵoj, inter kiuj la uzo de la malbela vorto *mitingo* (*kunveno*). Tio estas nenecesa aldono al la lingvo.

»La libro estas tute rekomendinda.»

Karaj heaanoj, ĉar *la libro estas tute REKOMENDINDA* kaj ĝi ankaŭ estas tre malmultekosta, ĉiu devas rapide mendi ekzempleron por ĝui la tekston kaj liveri samtempe monon al H. E. A., ĉar la libro estas propraĵo ĝia, por daŭrigi pli rapide la publikigon de «Provo pri Idearo». Aĉetu tuj la libron!

---

## PENSOJ PRI LA MILITO

Popolo ne bezonas almilitojn por esti feliĉa.—*Plutarco*.

* * *

Milito estas atenco kontraŭ la homaro.—*Plinio*.

* * *

Ni punas privatan mortigon de homo, sed mortigon de popolo ni juĝas glora... Senatanoj dekretas la krimon kaj ordonas ke la nacio faru tion kio estas malpermesata al la civitanoj. Privata hommortigo estas punata per mortigo, sed farata kun la paludamento (1) estas

---

(1) Riĉa mantelo portata de romaj militistoj sur la armilaro. Latine *paludamentus*.

laŭdinda ago. Homo, la plej milda el la bestoj, ne hontas kiam verŝas la homan sangon kaj la militoj estas la heredoj kiujn ili donas al siaj filoj.—*Séneca.*

* * *

Kia plezuro por mi se eminentuloj kaj autoritatuloj kriu ĉiuhore kontraŭ la malbenita deziregо pri milito, kaŭzo de tiom da malbonoj kaj malordoj, kaj malhelpo de tiom da bonoj!—*Melchor Gaspar de Jovellanos.*

* * *

Milito estas altrudo; paco estas libereco.—*Lamennais.*

* * *

—Kial vi mortigas min?

—Tial ke vi loĝas ĉe la kontraŭa bordo de la rivero. Se vi loĝus ĉe la sama bordo, tio estus maljustaĵo kaj mi estus asasino; sed ĉar vi loĝas ĉe la kontraŭa bordo, tio estas justa, kaj mi estas bravulo.—*Pascal.*

* * *

Milito estas ornamo, sub kiu sin kaŝas la asasino.—*Víctor Hugo.*

* * *

Unu mortigo estas ago de krimulo. Multaj mortigoj estas ago de heroo.—*Erasmo.*

* * *

Tiel baldaŭ kiel Ŝtato plimultnombrigas tion, kion ĝi nomas «siajn trupojn», la ceteraj faras la samon, kaj ili nur atingas la ruinon ĉies.—*Montesquieu.*

---

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

NOVAJ GAZETOJ.—*Hungara Heroldo.*—(Budapest, X—Pongrac-ut, 17, F, 6-3). 32 paĝa revuo trimonata, 23 × 15. Ĝia programo estas: servo por la paco, libereco kaj progreso; diskonigo de la hungara kulturo, kaj akcelo de la fremdultrafiko. En ĝia teksto ni trovis belajn pensojn kiel tiuj: «La evangelio ne enhavas unu amoleĝon por individuoj, kaj alian leĝon, diferencan de la unua, por ŝtatoj kaj nacioj» (Papo Benedikto la XV[a]). «Dum la milito ni suferis tiajn perdojn, ke la duan fojon ni ne povas riski tiajn sangoperdojn» (Gobernatoro Horthy).

*La Sperto* (Tronkweg, Makassar, Selebes, Indonesia Insularo, Nederlanda Hindujo, D. E. L.). Monata, kun teksto esperanta, malaja kaj angla.

Longan vivon al ambaŭ!

surkovras la internon de intesto, *vilo*. Malsupra pario de la abdomeno, trairita de la urinaj organoj kaj de la rektumo, *perineo*. Membrano, kiu kunigas kaj kovras la intestojn, *peritoneo*. Faldoj de la peritoneo, kiuj fiksas la diversajn partojn de la intestoj, *krispo*. Malsupra parto de la intesto, kiu kovras oston, *pubo*.

(B).—Du glandoj, kiuj sekrecias ian flavan fluidaĵon (*urinon*), *renoj*. Membrana urinuja sako, *veziko*. La du kanaletoj, kiuj kondukas la urinon de la renoj en la vezikon, *ureteroj*. Rena saketo, deiro de ĉiu uretero, *renpelveto*. Kanalo de la veziko ĝis la ekstero, tra kiu fluas la urino, *uretro*. Organika substanco de la urino, *ureo*.

(C).—Organaro diferenciganta la viron de la ino, *sekso*. Vira fruktiga fluidaĵo, *spermo, semeno*. Glandoj produktantaj spermon, *testikoj*. Ekskrecia kanalo de ĉiu testiko, *deferenta kanalo*. Vira genera organo, *peniso*. Haŭta envolvaĵo de la testikoj, *skrofo*. Haŭta faldo kovranta la kapeton de la peniso, *prepucio*. Fortranĉo de la prepucio, *cirkumcido*.

Korpo produktata de la ino, el kiu formiĝas ido, *ovo*. Germo de la embrio el kiu formiĝas ovo, *ovulo* (*ovolo*, laŭ Verax). Veziketo entenanta ovulon, *ovulujo*. La du organoj entenantaj la ovulojn, *ovarioj*. Membraneca sako kie evoluas la fekundigita ovo, *utero, matrico*. Muskolmembraneca kanalo de la utero eksteren, *vagino*. Eksteraĵo, kie la vagino finas, *vulvo*. Tubereto ĉe la antaŭa parto de la vulvo, *klitoro*. Ia membrano ĉe la klitoro, *himeno*. Vulva lipeto, *nimfo*.

Nek vira nek ina estaĵo, *neŭtra*. Forigi la seksan glandon, *kastri*; kastrita viro parolas soprane. Perdinte la viran seksan forton, *impotenta*. Kastrita viro, gardisto de haremo, *eŭnuko*. Estaĵo devenanta el du malsamaj specoj, kaj malofte fekunda, *hibrido*.

Nevola alfluo de la virsemo dum la dormo, *polucio*. Perioda sangofluo, kun forpelo de ovulo, *monataĵo, menstruo, menstruacio*. Falo el maturiĝinta ovulo el la ovario, *ovulfalo*.

Sufikso por derivi el la vira nomo tiun de la alia sekso, *in*: tiun de la fileto, *id*.

Natura kovraĵo de ovo de birdo, *ŝelo*; flava interna bulo de la ovo, *ovoflavaĵo*; albumena meza parto, *ovoblankaĵo*. Eliri la ovo el la birdino, *eloviĝi*. Maturigi la embrion de la ovo varmigante ĝin per la propra korpo, *kovi*.

Substanco el la vira fiŝo, kiu fekundigas la inajn ovojn, *laktumo*.

La tri ĉefaj organaroj de la korpo estas la abdomena (A), la toraka (B) kaj la kapa (C). Ili taŭgas por nutraĵoj solidaj kaj likvaj (A), aeraj (B), kaj psikaj (C). Proprigi al si nutraĵon, *asimili*.

**Abdomena fiziologio** (A).—Ŝiri per la dentoj, *mordi*. Dispremi per la dentoj, *maĉi*. Transporti el la buŝo en la ezofagon, *gluti*. Solvi nutraĵon en la stomako kaj la intesto per specialaj sukoj por ĝin asimili, *digesti*. Suko sekreciita de la stomakaj folikloj, *stomaka suko*. Produktaĵo rezultanta de la stomaka suko sur la azotozaj nutraĵoj, *peptono*. Griza parto rezultanta de la stomaka digesto de la nutraĵo, *ŝimo*; de la intesta digesto, *ŝilo, ĉilo*. Restaĵo de la manĝitaĵoj post la digesto, *fekaĵo, ekskremento*. Elirigi fekaĵon, *feki*. Ellasi intestajn gasojn, plej ofte kun bruo kaj malbonodoro, *furzi*.

**Toraka fiziologio** (B).—Nutri la sangon per la aero, *spiri*. Enpreni aeron por spiri, *enspiri*; elirigi ĝin post la spirado, *elspiri*. Movi la aeron, *blovi*. Forte enspiri en la nazon, *snufi*. Malfacile kaj forte spiri, *anheli*. Ĝeno en spirado, *angoro*. Raŭka sono, kaŭzo de malfacila spirado, *stertoro*. Spirado per kuraca procedo, *artefarita spirado*.

**Kapa fiziologio** (C). (Vidu «XIX.—Sentoj»).

**Fiziologio pri la reproduktado de la specoj.**—Kuniĝo de viro kaj ino por la reproduktado, *kopulacio*. Naskigi, produkti vivantan estaĵon similan al si, *generi*. Formi en si vivantan estaĵon post fekundigo, *koncipi*. Viro generas, virino koncipas. Ido ĉe la utero kiam la membroj ankoraŭ ne estas diferencigitaj, *embrio*; kiam ili ja estas, *feto*. Scienco pri evoluo de la embrio, *embriologio*; sciencisto, *embriologo*. Membraneca sako kiu entegas la embrion aŭ la feton, *alantoido, alantojdo*. Pedunklo de la alantoido, ĉe ovo, *urako*. Ino portanta idon en la utero,, *graveda*. Spongeca kaj mola organo, kiu kunligas la idon al la patrino antaŭ la nasko, *placento*. Aro de unu arterio kaj du vejnoj, kiu kunligas la feton kun la placento, *funiklo*. Eligi maturan feton, *akuŝi, naski*. Akuŝi antaŭtempe nevivpovan idon, *aborti*. Serio de formoj tra kiuj pasas ĉiu organismo ekde embrio ĝis naskiĝo, *embriogenio*. Glandforma organo, kiu ekzistas ĉe la novnaskitoj malantaŭ la sternumo kaj kiu poste malaperas, *timuso*. Sistemo el sciencaj konoj ligitaj kun studoj pri kreskanta homo ekde ĝia enutera stato ĝis plenkreskeco, *pedologio*; sciencisto, *pedologo*.

SPECOJ DE HISTOJ.—**Tegumento.**—Histo kiu tegas la korpon, *tegumento*. T. de la homo kaj de iaj bestoj, *haŭto*; ĝi konsistas el du tavoloj: la ekstera, preskaŭ travidebla (*epidermo*) kaj la suba (*dermo*). Malgranda elkreskaĵo de la haŭto, ordinare sur la vizaĝo aŭ sur la mano, *veruko*. Flavruĝa makulo de la haŭto ĉe la vizaĝo aŭ la mano, *lentugo*. Dikiĝinta malmoliĝinta haŭto, ordinare sur manoj aŭ piedoj, *kalo*. Patologia ruĝa makuleto de la haŭto, *akno*. Sulketiĝi la haŭto pro maljuneco, *ŝrumpi*. Ĉiu el malgrandaj pecetoj, kiuj falas

el la kapa haŭto, *haŭtero*. Malmolaj maldikaj platoj kovrantaj la korpon de multaj rampuloj kaj fiŝoj, *skvamoj*. Armaĵo natura, kovranta kaj ŝirmanta la korpon, *kiraso*. Malmola ŝelo, kiu ĉirkaŭas la korpon de iaj bestoj, *karapaco, fortikŝelo*. Karapaco de la krustacoj, *krusto*. Tubeto kun lanugo, el kiuj konsistas la kovraĵo de la korpo de la birdoj, *plumo*; delikataj maldikaj plumoj de junaj birdoj, *lanugo*. Elkreskaĵo similanta kombilon sur la kapo de la koko de iaj birdoj, *kresto*. Fadenforma elasta elkreskaĵo de mambestoj pli malpli dense kovranta iliajn korpojn, *haro*. Molaj krispaj haroj de kelkaj mambestoj, *lano*. Perdinta la kapharojn, *kalva*. Ĉe la homo, haroj kovrantaj la ekstremon de la palpebro, *okulharoj*; ĉe la viro, haroj kovrantaj la superan lipon, *lipharoj*; la vangojn, *vangharoj*; la mentonon, *barbo*. Kunplektitaj kapharoj de virino, *harligo*. Kuniĝo de ringforme kurbiĝintaj haroj, *buklo*. Rekte staranta haro, *hirta*. Melhela koloro de la haŭto kaŭzita de la elmetado al sunaj radioj, *bruna*. Koloro de la haro inter ora kaj helbruna, *blonda*. Homo kies haroj estas blanke senkoloraj pro denaska manko de pigmentoj, *albino, albinoso*. Senhara rondeto de la supro de la kapo de katolikaj pastroj, farata per razado, *tonsuro*. Malgrandaj elstaraĵoj de la epidermo kaj de la supro de la lango ĉe iaj bestoj, *papiloj*. Malmola pinta elkreskaĵo sur la kapo de kelkaj remaĉuloj, *korno*. Bekforma elstaraĵo sur la kapo de iaj krustacoj, *rostro*. Movebla kvazaŭkorno sur la kapo de insektoj, de iaj artropodoj kaj moluskoj, servanta kiel organo de la palpa kaj aŭda sentoj, *anteno*. Rigidaj haroj, kiuj provizas la korpon de iaj insektoj, *cilio*. Longaj pendantaj haroj ĉe kolo de leono, ĉevalo kaj aliaj bestoj, *kolhararo*; ĉe la frunto, *pendhararo*.

Eligi pro varmego akvecan senkoloran fluaĵon tra la poroj de la haŭto, *ŝviti*. Konstante kaj nesenteble eliri el la korpo likvaĵon miksitan kun gaso, ĝenerale karbonika acido, *transpiri*.

**Ostoj.**—Malmola kalkhava organo de vertebruloj, *osto*. Ostaro, *skeleto*. Konservata peco de skeleto de sanktulo, *reliko*. Kunligo de o. kun alia, *artiko*. Fako de la anatomio pri la artikoj, *artrologio*. Movebla artiko, *diartrozo*. Malgrandaj ostetoj ĉirkaŭ iaj artikoj, kaj kiuj havas formon de sezama grano, *sezamoidaj*. Artriko kies surfaco estas preskaŭ ebenaj, *artrodio*. Ekstera parto de artiko, *nodo*. Elirigi el artiko, *elartikigi*. Ronda elstaraĵo, per kiu o. artikiĝas kun alia, *kondilo*. Aro de fibroj, kiuj fiksas oston en alia kavaĵo, *ligamento*. Fibreca membrano, kiu ĉirkaŭas oston, *periosto*. Histo blanka malmola elasta kovranta la ekstremon de o., *kartilago*.

Laŭ la formo la o-j. estas *longaj* (unu dimensio multe pligranda ol la du aliaj), *plataj* (unu dimensio multe plimalgranda), kaj *mal-*

*longaj* (la tri dimensioj pli malpli egalaj). Longa parto de longa o., *diafizo*; ĉiu el la du ekstremoj, *epifizo*. Elstaraĵo sur iaj o-j. kun muskola inserto, *apofizo*. Sponga parto de plataj o-j., *diploo*. Longa pinta o. de la fiŝa skeleto, *aristo*. Iĝo de o. en substanco ebursimila, *eburiĝo*. Karbaĵo ricevita per bruligo de o. kaj de karno en fermita ujo, *ostnigro*.

(C).—Osta skatolo de vertebrulo, kiu entenas la cerbon, *kranio*. Mola parto de la kranio ĉe tre junaj infanoj, *fontanelo*. Interna parto de la kranio, *fornikso*. Iaj kavaĵoj en la kranio, *bregmoj*. La kranio konsistas el dek ses o-j., nome: unu ĉe la frunto (*fruntosto*), unu sub la frunto, post la nazo (*etmojdo*), unu sub la cerbo (*sfenojdo*), unu ĉe la okcipito (*okcipitosto*), du ĉe la flankoj supre (*parietostoj*), du sub la antaŭaj, kaj kie estas la oreloj (*tempiostoj*), kaj kvar en ĉiu aŭdsento (*martelo, amboso, lento* kaj *piedingo*). Kuniĝa punkto de la parietosto, okcipitosto kaj tempiosto, *asteriono*. Elstaraĵo, kiun oni observas sur la kranio, *protuberanco*.

La homa vizaĝo enhavas dek kvar ostojn, nome: unu apartiganta ĉiun okulan orbiton el la naza foveo (*larmosto*); unu al ĉiu flanko de la nazo (*nazosto*); du por formi la superan makzelon (*superaj makzelostoj*); unu por formi la malsuperan (*malsupera makzelosto* aŭ *mandiblo*); unu ĉe ĉia vango, artikata kun la responda tempiosto (*vangosto* aŭ *zigomosto*); du ĉe la nazo (*malsuperaj nazkonkoj*); du por formi la palaton (*palatostoj*), kaj unu malgranda ĉe la malsupra parto de naza vando kaj similanta plugiltranĉilon pro sia formo, *vomero*.

O. de la buŝo por mordi kaj maĉi, *dento*. Plej internaj kaj fortikaj dentoj, *mueldentoj*. Pintaj dentoj apud la mueldentoj, *kaninaj*. Dentoj antaŭaj, inter la kaninaj, *incizivaj*. Speco de brila natura glazuro, kiu ŝirmas la dentojn, *emajlo*. Homo kies dentoj kaj makzelo elstaras antaŭe, *prognata*; prognateco, *prognatismo*. Blanka substanco, el kiu konsistas la okuldento de elefanto, *eburo*.

(B).—(A).—Kolonaro de malgrandaj o-j., laŭlonge de la dorso ĝis la gluteo, *vertebraro, spino*; ĉiu el la o-j. de la spino, *vertebro*; estas sep *kolaj vertebroj*, dek du *dorsaj* kaj kvin *lumbaj*. La unua kola vertebro, *atlaso*; la dua, kiu havas vertikalan apofizon sur kiu turniĝas la kranio, *epistrofo, aksojdo*. Baza o. de la spino, *sakro*. O., kiu finas la spinon, *koksizo*. Libera ekstremo de la spino de iaj vertebruloj, *vosto*. Arkforma flanka o., *ripo*; ili estas dek du ĉe ĉiu flanko; la sep supraj paroj estas kuniĝintaj per longa o., nomata *sternumo*. Meza staranta o. de la sternumo ĉe la birdoj, *brustosto*. Ostaro formanta la zonon de la pelvo, *koksosto*; ĝi konsistas el tri o-j.:

la plej granda, *iliumo* (*iliumosto*, laŭ Verax); la malsupra kaj antaŭa, *pubosto*, kaj la *iskio* (*iskiosto*, laŭ Verax).

(B).—Triangula plata o. de la posta parto de la ŝultro, *skapolo*. Apofizo, kiu surstaras la eksteran ekstremon de la supera bordo de skapolo, *akromio*. O. iom kurba kiu kunligas la skapolon kun la sternumo, *klaviklo*, *ŝlosilosto*. O. de la brako (C), *humero*; plej malsupra parto de la humero, *trokleo*. Inter la kubuto kaj la manradiko estas du o-j. (B), la *radiuso* kaj la *ulno*. O-j. de la mano (C): supera parto de la mano (ok o-j.), *karpeo*; meza parto (kvin o-j.), *metakarpeo*; malsupra parto (dek kvar o-j. nomataj *falangoj* kaj *falangetoj*), *fingroj*.

(A).—O. de la femuro (A), *femurosto*. O-j. de la kruro (B): mallonga o. kun ronda supraĵo, ĉe la genuo, *patelo*; longa dika o. de la genuo al la piedo, *tibio*; o. kontraŭ la tibio ĉe la posta parto de la kruro, *fibulo*. O-j. de la piedo (C): posta parto de la piedo (sep o-j.), *tarso*; meza parto (kvin o-j.), *metatarso*; kaj antaŭa parto (dek kvar o-j., nomataj *falangoj* kaj *falangetoj*), *fingroj*. La du ĉefaj o-j. de la tarso estas la *talo* kaj la *kalkanosto* aŭ *kalkaneo*. Antaŭa parto de la artiko inter la piedo kaj la kruro, *instepo*.

**Muskoloj.**—Mola fibreca substanco de la homo kaj la bestoj, *karno*. Organo konsistanta el karnaj fibroj kaj servanta por movi la diversajn partojn de la korpo, *muskolo*. M. kiu rigidas organon, *erektanta*. M., kiu efektivigas *abdukcion* (tio estas, movon laŭ kiu parto de la korpo malproksimiĝas de la korpa mezo), *abduktoro*. M., kiu efektivigas *adukcion* (tio estas, malabdukcian movon), *aduktoro*. M., kiu mallevas organon aŭ parton de organo, *depresoro*. Ekstremo de m. kuniĝanta kun o., *tendeno*. Ringforma m. fermanta eniron aŭ eliron, *sfinktero*. M., kies unu ekstremo konsistas el du fibroj (kiel tiu de la brako), *bicepso*; el tri fibroj (kiel tiu de la femuro), *tricepso*.

La du m-j., kiuj movas la mandiblon, *maseteroj*. Flanka m. de la buŝo inter ambaŭ makzeloj, *bukcinatoro*. M. de la buŝo, organo por paroli kaj manĝi, *lango*. M. de la flanko de la vizaĝo, *vango*. Plata m., kiu kuŝas sur la supro de la dorso, *splenio*. M., kiu apartigas la bruston de la ventro, *diafragmo*. Ĉiu el la du m-j. de la malsupra kaj posta parto de la trunko, *sidvango*, *postvango*, *gluteo*; ambaŭ m-j. formas la *postaĵon*. Elstreĉa m. de la kruro, *ĝemelo*. Muskola elstaro de la malantaŭa parto de la kruro, *suro*, *tibikarno*.

**Membranoj.** — Histo folioforma, kiu ĉirkaŭas aŭ surkuŝas organon, *membrano*. la maldika fortika m. formita el ĉeloza aŭ fibroza histo, kaj kiu tegas la muskolon, *aponevrozo*. M., kiu troviĝas ĉe la artiko de du ostoj, kaj kiu sekrecias ian likvaĵon (nomatan *sinovion*),

*sinovia*. Fibreca m., kiu ĉirkaŭas oston, *periosto*. M., kiu interne surkovras la kavajn organojn, kaj kiu komunikas eksteren per la naturaj malfermoj de la korpo, *mukozo*. Ĉelozaĵo, kiu surkovras la supraĵon de mukozo, *epitelio*; viskoza likvaĵo sekreciita de mukozo, *muko*. M., kiu sekrecias ian specon de likvaĵo (ankaŭ nomata *seroza*), *seroza*. Iaj muskolecaj m-j., *vualoj*. Iaj blankaj fibrecaj m-j., *blankumaj*. Ĉeloza aŭ fibreca m., tre maldika kiu surkovras iajn viscerajn m-jn., *fascio*.

Blanka m., kiu envolvas la okulan globon, *sklero*; meza m. inter la sklero kaj la retino, *korojdo*. Seroza m. kiu surkovras la internon de la brusto kaj tegas la pulmojn, *pleŭro*. M., kiu surtegas la korajn kavaĵojn kaj la internon de la angioj, *endokardo*. M. el kiu naskiĝos la embrio, en ovo, *blastodermo*; ekstera tavolo de la blastodermo, *ektodermo*. Ĉe la fiŝoj, m. de la interno de la branka kavaĵo, *brankoŝirma*.

**Glandoj.**—Substanco produktata de la organismo el la propra sango, *sekrecio*. Organo produktanta sekrecion, *glando*.

(A).—La du g-j. migdalformaj, kiuj estas en la postbuŝo, *tonsiloj*. G., kiu estas malantaŭ la stomako kaj kiu sekrecias ian sukon efikan por la digesto, *pankreaso*. Granda g., kiu produktas la galon kaj la glikozon, *hepato*.

(B).—G. lokita antaŭ la laringo kaj kiu sekrecias ian likvaĵon kiun ĝi transdonas al la sango, *tiroido, tirojdo*. Granda mola kaj spongeca maldekstre de la stomako, kie formiĝas kaj detruiĝas la ruĝaj globetoj de la sango, *lieno*. Du g-j. sidantaj en la lumba regiono kaj sekreciantaj la urinon, *renoj*. Limfa g., *gangliono*.

(C).—G-j. produktantaj spermon, *testikoj*. G. inter la vezika cerviko kaj la uretro, *prostato*.

Estas ankaŭ g-j. por produkti larmojn, salivon, lakton, k. t. p.

Ĉefaj organaroj de la korpo, kun apudaj g-j., *visceroj*.

Elkonduki substancoj sekreciitaj de iaj organoj, *ekskrecii*. Forŝprucigi el iaj organoj kun ia forto, *ejakuli*.

**Iaj substancoj.**—Fluidaĵo de la histoj, *suko*. Facile ŝmirebla kaj fandebla substanco de la korpo, *graso*. Graso formanta tavolon sur la ripoj de iaj bestoj, precipe de la porko, *lardo*. Pli malmola kaj pli facile fandebla parto de la graso, *sebo*. Iaj substancoj likvaj aŭ duonlikvaj kiuj estas en la korpo, *humoro*.

**Kavaĵoj.**—Larĝa k. de la korpo, *foveo*. Konduka tubo, *meato*. Malgrandeta k. sakforma, kiu malfermiĝas en alia pligranda, *receso*.

Elstara parto de kava organo, *tubero*. Organo kiu ŝtopas klape kanalon, *operklo*. Ĉe la fiŝoj, osteca operklo, kiu tenas la brankoŝirman membranon, *brankoŝirma*.

## XIII.—ĜENERALAJOJ PRI LA BESTOJ

Scienco pri la b-j., *zoologio*; scienculo, *zoologo*. Parto de la zoologio pri la priskribo de la b-j., *zoografio*. Vivanta estaĵo kapabla sin movi, sed ne posedanta racion, *animalo, besto*. Aro de b-j. de lando aŭ de geologia epoko, *faŭno*. Kiu apartenas al plej malnova faŭno fosilia, *paleozoa*.

Kio difinas la rolon de individuo por reproduktado, *sekso*. Tutaĵo de individuoj apartenantaj al sama sekso, *sekso*. B. apartenanta al forta sekso, en matura aĝo, *viro*. Sufikso por derivi de la vira nomo tiun de la alia sekso, *in*, tiun de la filo, *id*. Prefikso por montri virojn kaj inojn kune, *ge*. Nek vira nek ina, *neŭtra*. B. naskiĝinta el malsamaj specoj, *mestizo*. B., kiu naskas idon per ovoj, *ovulo*. B., kiu moviĝas kaj serĉas la nutradon dum la taglumo, *diurnulo*; dum la krepusko, *krepuskulo*; dum la nokto, *noktulo*. B., kiu fosas per siaj piedoj, *fosulo*. B. grimperna, *grimpulo*. B., kiu vivas en sablo, *sabloviva*. B. kun nur du fingroj ĉe sia piedo, *dufingra, didaktila*; sen piedoj, *apoda, senpieda*. Fiŝo sen ventra naĝilo, *apoda*. B. sen flugiloj, *aptera*; sen kapo, *acefala, akefala*; sen piedoj nek kapo, *akefalopodo*; kun dornforma kapo, *akantocefalo*; kun pinta kapo, *akrocefalo*; kies korpo konsistas el iaj segmentoj ringformaj kunligitaj unu post la alia kaj formante eksteran kvazaŭ skeleton, *artikulo*. B., kies piedo konsistas el unu hufo, *unuhufulo*; el du, *duhufulo*. Pri la b-j., kiuj dormas dum la vintro, *vintredormi*. Pri ina b., kiu ellasas siajn ovojn, *ovellasi*. B., kiu sin nutras per vivanta aŭ mortanta karno, *karnivora, raba*. Hejma kvarpieda paŝtobesto (bovo, ĉevalo, porko, ŝafo), *bruto*.

La pulmuloj produktas sonojn per sia laringo, tio estas, ili *blekas*. Pli konkrete, oni diras ke la bovo *muĝas*, la ĉevalo *henas*, la hundo *bojas*, la kato *miaŭas*, la lupo *hurlas*, la muso *kvikas*, kaj la porko *gruntas*. Multaj birdoj *kantas*; la koko *kokerikas*; la kokino *klukas*; la kolombo kaj la turto *kveras*, kaj, kiam ili amindumas, *kolombumas* aŭ *rukulas*; la korvo *grakas*, kaj la pasero *pepas*. La rano *kvakas*.

Akra sono, kiun produktas cikado, grilo kaj aliaj insektoj per siaj flugiloj, *ĉirpo*.

Fakulto de iaj b-j. preni la koloron aŭ aspekton de la apudaj objektoj, *mimetismo*.

Loko, kie oni kolektas kuriozajn bestojn por esploraj celoj aŭ por elmontrado al la publiko, bestejo, *menaĝerio*.

**Klasifiko de bestoj.**—

| | | TIPOJ |
|---|---|---|
| Sen simetrio | | *protozooj.* |
| Kun radia simetrio | kun ĉelaj organoj | *zoofitoj.* |
| | kun kvin fakoj, ĝenerale, kaj simpla nerva sistemo, | *ekinodermoj.* |
| Kun duflanka simetrio, korpo. | longforma mola senmembra, | *vermoj.* |
| | dividita en malsamaj segmentoj kaj kun ekstera skeleto, | *artropodoj.* |
| | mola protektata de konko, kaj kun nervaj ganglioj sub la digesta aparato, | *moluskoj.* |
| | kun interna skeleto, nerva sistemo kun cerbo kaj spino (vertebroj), ruĝa sango, | *vertebruloj.* |

Sufikso por montri la familion, *oid'*; la subfamilion, *oin'*.

## XIV.—TRE ELEMENTAJ BESTOJ

**Protozooj.**—Malgranda p. simila al gelatineca ero, kiu vivas en maraj aŭ riveraj akvoj, kapabla ŝanĝi sian formon, *amebo*.

Grupo de p-j. karakterizitaj de karapaco kovrita de pintoj ordigitaj disradie, *radiolarioj*. la p. simila al radiolario, *foraminifero*. Mikroskopaj p-j. vivantaj en senmovaj akvoj, *infuzoroj*. la infuzoro konsistanta el unu ĉelo, *monado*.

**Zoofitoj.**—Mara z., kiu vivas altenate al la rokoj kaj kiu produktas ian substancon tre sorbeman, *spongo*. Mara tropika z. sin fiksanta ĉe senmovaj objektoj aŭ vivanta en kolonioj, *polipo*. Dolĉakva polipo vivanta fikse sur iaj plantoj, *hidro*. la polipo el samnoma familio, kiu havas la proprecon, kiam oni ektuŝas ĝin, elvoki jukon kiel tiu kaŭzita de la urtiko, *akalefo*. Mara akalefoido, kies korpeto lumas dum la nokto sur la akvo, *noktiluko*. Aliaj maraj akalefoidoj, *meduzo, fizalio*. Maraj z-j., kiuj similas florojn, kaj kun nur unu malfermo, kiu estas samtempe la buŝo kaj la anuso, *antozooj, koraloj*.

## KIAMANIERE MULTIPLIKIS LA ARABOJ?

Oni ja scias ke la hispana Kalifato de Kordobo estis en sia epoko la plej civilizata regno de Eŭropo. Dank' al tiuj araboj la kristanoj lernis la *arabajn* ciferojn, la *al-gebron*, la *al-ĥemion* (patro de la ĥemio), k. c. Multaj vortoj (kiel *alkoholo, almanako*; kaj iaj natur-sciencaj kaj medicinaj) havas araban etimologion.

La kulturo de tiu regno, eĉ ĉe la virinoj, estis tre vasta. La biblioteko de Alhakem, en Kordobo, enhavis kvarcent mil manuskriptojn. Tia kulturo influis, kompreneble, super la kristanaj regnoj, kies plej antikvaj universitatoj (tiuj de Palencia, Salamanca, Valladolid, k. a.) estis starigitaj ĉe la komenco de la XIII[a] jarcento.




Estas kurioze noti kiamaniere ili multiplikis. Supozu ke ni deziras trovi la produton 652 × 37.

Ni diru 2 × 3 = 6 » 2 × 7 = 14 » 5 × 3 = 15 » 5 × 7 = 35 » 6 × 3 = 18 » 6 × 7 = 42. Kaj poste ni sumu: 4 » 6 + 1 + 5 = 12 » 1 + 5 + 3 + 2 = = 11 » 1 + 1 + 8 + 4 = 14 »

## ENLANDA KRONIKO

*La Coruña.*—Nia samideano S-ro Manuel Monteagudo donis per la radio aron da prelegoj pri la problemo de la internacia lingvo kaj ĝia solvo dank' al Esperanto. Unu el la prelegoj estis dediĉata al estonta Kongreso de Roma; multaj personoj interesiĝis pri ĝi kaj demandis detalojn kaj kelkaj komencis la studon de nia lingvo. Nacia instruisto (por unuagradaj lernejoj) S-ro Francisko Vales finis sukcese kurson de Esperanto kaj nun siaj junaj lernintoj korespondas kun fremduloj.

* * *

*Madrid.*—La grava dektaga polica revuo *Investigación* publikigas artikolon tradukitan de *Internacia Polica Bulteno* de S-ro Máximo Domínguez, pri la usona polico.

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Austrio.*—La austria P. T. T. provizis aranĝojn por kursoj de Esperanto, gvidataj de Aŭstria Esperanto-Asocio, al poŝtoficistoj, kies partopreno estas invitita per oficiala cirkulero.

* * *

*Italio.* — La italaj samideanoj varme laboradas por la XXVII[a] Kongreso.

S-ro Piero Pace, inspektoro de Itala Esperanto Federacio, en januaro prelegis en Bolzano, Trento, Verona, Venezia, Padova kaj Vicenza. La lokaj gazetoj longe kaj amplekse raportis.—Ankaŭ okazis propagandaj kunvenoj kaj prelegoj de aliaj samideanoj en Brescia, Cardenons, Lucca, Milano, Torino, Mantova, Venezia, Verona, k. c., kaj, kompreneble, en Roma kaj Napoli.—La decembra numero de «Il Rotary», oficiala organo de la italaj rotaroj, raportas detale pri la prelego de profesoro Fachi, membro de la Rotaria Klubo de Brescia kaj reprezentonto de la dirita Klubo en la Esperantista Kongreso de Roma. (Noto : Konvenas ke oni diskonigu tiun novaĵon ĉe la rotariaj rondoj).

Ĝis la fino de januaro estas aliĝintaj al Kongreso 461 samideanoj. Oni povas aliĝi al la Kongreso ĝis la fino de aprilo kun 20 % da rabato.

* * *

*Svedujo.*—Internacia Turista Asocio estas fondita por kunligi la diversajn Esperanto-organizaĵojn, kiuj faras vojaĝservojn, aranĝas karavanojn, k. c. Adreso : Poŝtfako, 698, Stockholm, 1.

* * *

*Pri radio.*—En sia Jara Raporto 1934 la Pola Radia Autoritato speciale aludis al la esperantaj disaŭdigoj, kiuj menciinde altiris ateston el aliaj landoj pri sia utilo kaj ŝatateco.

Ĉirkaŭ Zamenhoftago, sep plej gravaj japanaj radiostacioj elsendis programerojn pri D-ro Zamenhof, en kaj pri Esperanto.

* * *

*Francujo.* — *Internacia Polica Revuo* (januaro 1935) publikigas fotografaĵon de Cannes (Francujo) en kiu oni vidas policiston kun la verda stelo, apud indikilo por aŭtomobiloj skribita nacilingve kaj esperante. Ĉiuj esperantistoj devas klopodi por ke en sia respektiva loĝurbo la urbestraro imitu tiun de Cannes.

La vojaĝoficejo *Orbis* (5, rue de la Chaussée d'Antin, Paris, 19e), oficiala reprezentanto de fervojaj, navigaciaj kaj aviadaj kompanioj

kun pli ol sesdek filioj en la mondo, akceptas korespondado en Esperanto.

* * *

*Germanujo.*—La «Nova Germana Esperanto Movado» intencas fari propagandon okaze de la olimpiaj sportludoj de 1936. Por tio, ĝi preparas enketon pri la graveco de Esperanto en sportrondoj de la tuta mondo kaj petas detalojn kaj informojn. Interesuloj povas skribi al S-ro Wolf Zickler, Hildegardst, 25. Berlin, Wilmersdorf.

* * *

*Britujo.*—La 26ª brita kongreso okazos dum 7-11 junio 1935 en Southend-on-Sea. Ni ricevis belan propagandfolion kun fotografaĵoj, informo pri Southend, k. c. Ke ĝi estu multenombra!

* * *

*Ĉeĥoslovakujo.*—La trian de aprilo la radiostacio de Brno (samtempe kun Praha, Bratislava, Košice, kaj Moravská Ostrava) de la 22,15 ĝis la 23,15 (tiu estas, de la 21,15 ĝis la 22,15 laŭ hispana tempo) disaŭdigos la plej ĉarman ĉeĥan operon «La Vendita Fianĉino» en Esperanto. Estas la unua fojo ke radiostacio elsendas operon en Esperanto, kaj samideanoj estas petataj ne forgesi la daton 3-an de aprilo kaj... gratuli la radiostacion. Radiojournal, Kounicova, 44, Brno.

Ankaŭ oni povas mendi esperantan tradukon de la opero «Sur rozoj sternite». Prezo: kvin respondkuponoj.

---

## IO EL ĈIO

### LA PLUVOMBRELEGO

El la klubo eliris sep geesperantistoj, nome: patrino kun siaj tri belaj filinoj kaj tri junuloj nomataj Petro, Johano kaj Antono. Ekpluvis, sed Johano havis pluvombrelon (aŭ, pli ĝuste, pluvombrelegon, ĉar ĝi povis ŝirmi tri personojn kontraŭ la pluvo), kaj li proponis akompani ĉiujn ĝis la proksima stacio de la metropolitano. Sed la patrino timis pro la amindumeco de la junuloj kaj ne volis ke eĉ unu el ili estu sola kun eĉ unu el siaj filinoj; ŝi mem ne volis esti kun Petro aŭ Antono, sen la ĉeesto de la serioza Johano. Kiamaniere ŝi aranĝis la aferon per plej malmultenombraj vojaĝoj?

* * *

## ENIGMO STUDA

Serĉu kvinsilabajn vortojn, kies kvin vokaloj estu malsamaj kaj ke ili signifu:

E . . . . . . . . . —Roko.
S . . . . . . . . . . . —Io malutila (ĝi ne estas *senutilaĵoj*).
P . . . . . . . . . . . —Butiko.
E . . . . . . . . . . —La kontraŭo de la dua vorto.
R . . . . . . . . . —Famo, honoro.
A . . . . . . . . . . . —Arto.
N . . . . . . . . . . . . —Scienco.
T . . . . . . . . . . . . —Muzikludisto.
O . . . . . . . . . . . . —Ordinala nombro.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

## SOLVOJ DE LA ENIGMOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*La trionigo de l'arko.*—Ĉi estis 108°, tio estas, la arko mezuranta angulon de regula pentagono. Tiun angulon (kaj sekve la respondan arkon) oni povas trionigi desegnante la diagonalojn de la pentagono (kaj vi ricevos la kvinpintan stelon).

*Rapidaj hieroglifoj.*—Pesilo; junuloj; koko kaj kokido.

* * *

## LETERKESTO

*N.° 1495—Valencio*—kaj aliaj heaanoj—B. E. S.-adresaro ne estas ankoraŭ publikigata. Tiel baldaŭ kiel ni ricevos ĝin, ni disdonos al abonantoj.

* * *

## KORESPONDANTOJ

Konstantin Mikuliĉ, advokata oficisto Malacky (Ĉeĥoslovakujo), fraŭlo, deziras interŝanĝi vidaĵpoŝtkartojn kaj eventuale ankaŭ poŝtmarkojn kun samideano aŭ kun fraŭlino.

Ruben Haglund, Box 287, Sandarne (Svedujo), deziras korespondi kun hispana fraŭlino.

* * *

## ADVERTENCIA

Los giros y la correspondencia sobre asuntos administrativos se enviarán en lo sucesivo al nuevo tesorero, D. BENITO ANGUIANO (PASEO DE EXTREMADURA, 74, 1.°, MADRID), en vez de hacerlo a D. Julián Sosa, pues este samideano ha cesado en el cargo (véase el acta primera de la Asamblea de Delegados, publicada en el número anterior, páginas 2, 3 y 4).

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926